438

№ .40?

# LA SKOLTA MONDO

OFICIALA ORGANO DE LA SKOLTA ESPERANTISTA LIGO



VOLUMO 4 N·RO 16
4·A JARKVARONO 1972

# S ☆ E ☆ L

Fondinto: "Avoto"
Kunfondinto: J.W. Leslie

Honoraj Prezidantoj:
"Avoto". Norman Booth.
D.H. Davis. L.J. Van Gulck

Prezidanto: John Berggreen,
Brattvollveien 23 c,
Nordstrandhøgda, Norvegujo

Sekretario: J. K. Hammer,
Taxusstraat 7, Zaandam,
Nederlando.
Poŝtĝirkonto 63 22 46.

Kasisto kaj Administranto de
"La Skolta Mondo":
David H. Withey, 21 Brookfield Avenue, Waterloo,
Liverpool L 22 3YE, Britujo
Telefono WAT 2936

Redaktoro: Hans Amund Rosbach,
Nergata 37 c, N-6500
Kristiansund N, Norvegujo.

La Skolta Mondo aperas kvarfoje en la jaro.
Okaze de nericevo, bonvolu sciigi vian Nacian Reprezentanton aŭ la Administranton.



**KIAM**

mi sidiĝas por verki kaj redakti nian gazeton, multaj kaj diversaj emoj regas min. Ĉiam dilemoj ekzistas, kaj mi devas elekti. Mi ja revas pri la bona, ĉionenhava skolta revuo: kun kantoj, ludoj, taskoj, noveloj, informoj, anoncoj pri korespondo, ĉiaspecaj kaj interesaj artikoloj, edifoj ktp.

Kompreneble mi ne sukcesas en ĉi ĉio. La materialo mankas - kaj la paĝoj estas tro limigitaj.

Inter la nunaj dilemoj estas la tento tro emfazi la lokon Røros, kie la norvega ĵamboreo estis. Mi donis al ĝi paĝon, kaj krom tio la fotolokon de la kovrilmalantaŭo.

Pardonu, se tio estas iom tro: Estas mia naskiĝloko, la loko kie mi vivis miajn infanajn jarojn.

Alia tento estas substreki tre forte tion, kio donis al mia vivo sencon kaj taskon -- la kristanismon.

Mi ne volas per tio ofendi al personoj kun alia religio, mi tamen scias, ke skoltismo ja ankaŭ estas obeado al Dio.

Plurfoje mi sentas, ke mi ne sufiĉe kapablas havigi necesan bildmaterialon por plibeligi kaj pliriĉigi la revuon. Ofte sufiĉe "tedaj" informoj povas fariĝi legindaj pro bonelektita ilustracio.

Sed sciu, por multaj bildoj estas kopirajto.

Tial mi elsendas ĉiun numeron kun scio pri la neperfekteco, sed kun espero, ke ĝi tamen estu inda reklamo de nia ligo kaj bonvena kontaktilo por la membroj.

Kaj per tiuj vortoj mi sendas mian 35-an numeron al vi, kaj esprimas mian esperon kaj deziron pri

FELIĈA KRISTNASKO!

Hans Amund

# kritiko dum

SEL-kunveno dum la Universala Kongreso, Portland.

Prezidis amiko U.P. Ronald, sekretario estis Alex Philip, ambaŭ el Kanado. Ĉeestis 18 personoj, membroj de SEL kaj interesuloj, el nur tri landoj: Kanado, Japanujo, Usono.

Post malfermo de la prezidanto oni legis la raporton de la Liga sekretario, kaj ties saluton. Bedaŭrinde saluto de la Liga prezidanto, John Berggreen, alvenis nur post la kunveno.

Laŭ la temoj en la sekretaria raporto oni pritraktis la nunan situacion de nia Ligo, kaj diskutis pri ĝi.

Pri nia gazeto "La Skolta Mondo" oni konstatis, ke ĝi estas ne kontentiga rilate al la interkomunikado inter la diversaj landoj.

Pri la propaganda laboro oni konsentis, ke ĝi devos okazi je ĉiuj niveloj samtempe: loke, regione, nacie, kaj la membroj de la Centra Komitato prizorgu la kontakton kun la Skolta Monda Oficejo en Genevo. La Naciaj Reprezentantoj interkontaktu kun la landaj asocioj pri lecionoj de nia lingvo.

La kunveno ankaŭ volas atentigi la NR-ojn, ke la nacia kotizo estu en rilato kun la landa ekonomia nivelo. SEL devus eldoni financan raporton, ĉu en LSM, ĉu aliamaniere.

Ni ne forgesu la laboron inter la skoltinoj.

Amiko Ken Meyer pretas akcepti la oficon de NR por Usono; tiu ofico antaŭ kelkaj monatoj subite ne pli funkciis.

Dum la kunveno aliĝis 5 novaj membroj. Oni decidis sendi saluton en la nomo de la kongreso al la Skolta Monda Oficejo.



# KIE ESTAS LA SKOLTINOJ SEL

KELKAJ RIMARKOJ DE LA CENTRA KOMITATO:

LSM. Regule la redaktoro pe kunlaboron. Se la sekcioj po regule ensendi novaĵojn kaj s igojn el la sekcia vivo, certe "interna forto" de la Ligo kr kus.

SKOLTINOJ. SEL aktivas.... ĝis nun la skoltinaj asocioj p -kaŭ ne reagis. En la skolt movado mem oni povas aŭdi plend pri la inercio de la Skolt Monda Oficejo en Londono!

FINANCA RAPORTO. Laŭ statuto la kasisto devus sendi rapor al la NR-oj, kaj al ĉiu mem kiu tion deziras. Pro tempoma li tion ne faris dum kelkaj ja Tamen la membroj de la Cen Komitato regule ricevas de skribajn informojn pri la finan aferoj. Dumonataj raportoj la kampanjo "Ĵamborea Lingvo", kiu havas apartan kason, estas ĉe la se etario, kiu ŝatus, se iu bonvolus kontroli kaj komenti ĝin.

KOTIZOJ. La naciaj sekcioj mem fiksas la nacian kotizon. Pro la fa ke SEL povas doni al la junuloj nur nemulte da "rekompenco" kontraŭ membreco, junula kotizo certe ne estu tro alta. Por subtenantoj kaj p kreskuloj ĝi certe en kelkaj landoj povus esti pli alta, por ebligi n laboron inter geskoltaj movadoj. Feliĉe ni konstatis, ke la novaj m broj, kiuj aliĝis dum la kunveno, jam agis laŭ la ideo de la propono

# SEL' AKTIVECO DUM



**euroscout 72**

Inter la 29-a de Julio kaj la 6-a de aŭgusto okazis en Rotterdam, Nederlando, la internacia skolta tendaro EuroScout 72 kun 800 gastoj el 12 landoj.

En granda tendo funkciis dum la tuta semajno informejo de SEL. Konstante tie deĵoris niaj amikoj Ad Peeraer kaj Peter Moetwil, kun nia sekretario Hammer kaj lia filo Melle.



Sed regule venis helpantoj de la Rotterdama Esperantoklubo, inter kiuj pluraj oficistoj de UEA. Precipe pro ili ni povis kontaktiĝi kun la skoltoj el Italujo kaj Turkujo, inter kiuj kelkaj parolis nur la propran lingvon, kaj ja estis "tute solaj inter amaso" Tiu servo de la internacia frateco certe tiris la atenton de la kampgvidantoj.

En 1966 - nro 17 - havis ni priskribon de tia enirejo.

SEL havis sian standon kun esperanto-flago.

Ĉu la celo estas ĉielo?



Grandaj tabuloj montris la aktivecon de nia Ligo, turistajn prospektojn kaj kovertojn, ricevitajn de skoltaj amikoj en pli ol 20 landoj. La tendara gazeto regule aperigis sciigojn pri nia Lingvo kaj aktiveco.

Faldfolioj seslingvaj estis disdonitaj al ĉiu partoprenanto kaj multaj vizitantoj. Generale oni opiniis tre positive pri niaj laboro kaj idealoj. Entute ĉ. 50 personoj aĉetis nian libron kaj ekstudis. Tre granda estis la intereso inter skoltoj el Aŭstrujo. Same grava estis la intereso de skoltoj el Luksemburgo, ĉar en ambaŭ landoj nia Ligo apenaŭ estas konata ĝis nun.

Dum la tendaro ni povis fari la unuajn decidojn por kunveno de skoltaj esperanto-amikoj en BREGENZ, Aŭstrujo.

Hazarde ni envenis tendon, en kiu la prez-



idanto de la Nederlanda Skolta Federacio, en kunveno kun aliaj skoltestroj esprimis la opinion ke "..la nuna situacio (t.e. kun multaj lingvoj) tute ne kontentigas. Eble ni devos pli oficiale apogi la laboron de ili. (tio estis ni)"

NEDRELANDO.

Ni kore gratulas nian membrinon Leny Nieuwenbroek kiu edziniĝis la 4an de septembro al S-ro A. Doelman.



# ETAJ NOTO.

BRITUJO: Okaze de la nomiĝo de Si Erskine William Gladstone kiel nov Ĉefskolto por Britujo, la brita sekci sendis gratul-leteron.

NOV-ZELANDO.

De Dennis Pease, konata al multaj amikoj de SEL, ni ricevis leteron, ke li akceptis la postenon de NR por lia lando.
Ni kore bonvenigas lin en la rondo kaj esperas, ke lia laboro donos sukceson al SEL kaj feliĉon al li mem.

Al Maj.Peterson de NZEA ni dankas pro lia kunlaboro. Amiko Pease gvidas grupeton de skoltoj kiuj intencas viziti la ĵamboreon en Norvegujo 1975 kvankam por la skoltoj certe estos ankoraŭ grandaj problemoj por akiri la necesan monon. Ni deziras al ili multan sukceson. Kaj ... ili nepre legu la rimarkon, kiun nia sekretario donis al ni aliloke: Ke li ne estas klarvidanto. Ni eĉ timas, ke malmultaj el niaj membroj estas tiaj.

Adreso de Pease: Flat 2, 8 Dent Street, Whangarei, Nov-Zelando.

La Baha'i-movado sendis al ni broŝureton pri si mem: "La Mondkredo por la Nuntempa Homaro".

La Bahaa kredo estas iu nova religio, kreskinta ek de 1844, kiam juna perso deklaris sin esti antaŭulo de nova profeto Tiu, Baha'u'llah, venis 1863.

La broŝuro rakontas pri la historio kaj la nuna stato de la movado.

USONO.

Ni bonvenigas : Ken Meyer!
Oficiale li estas Kenneth Walter Meyer, helpskoltestro en Oxnard, Californio, aĝo 28.
Profesie: instruisto.
Sed plej grave por ni ĉiuj: dum la SEL-kunveno en Portland li akceptis taskon de nacia reprezentanto por sia lando.

Ni kore bonvenigas lin, kaj esperas, ke la kunlaboro estos fruktedona, kaj donos al li multe da plezuro kaj feliĉo.
Lia adreso:
1418 West Elm Street, Oxnard, Cal.,
93030 Usono.

JAPANUJO.

Dum la 59-a Japana kongreso okazis SEL-kunveno la 16.an de Julio 1972. Ĉeestis nur 4 personoj: Aŭstralia skoltino Edith Gibson, la UEA-delegitoj A. Kainuma kaj J. Kitahara, kaj nia amiko S. Seitaro, kiu agas kiel sekretario de nia Ligo en Japanujo. La ĝenerala plendo dum la tuta kongreso estis, ke la japanaj membroj tro malmulte komprenas la signifon kaj valoron de specialaj fakkunvenoj. Tial ankaŭ estas malfacile inviti neesperantistajn interesulojn al ili. Iom da 'eduko' tiurilate estus utila. Oni decidis intensivigi la propagandon inter la geskoltoj kaj plifortigi la solidarecon inter la skoltoj kaj esperantistoj en Japanujo.

Oni ankaŭ decidis intensivigi kontaktojn kun eksterlandaj geskoltoj/membroj de S.E.L.
Kiel eble plej multe oni eluzos la eblecojn kiuj venis post kaj pro la Monda Ĵamboreo en 1971.



# RØROS

estas malgranda urbo surmonta en la suda Norvegujo. Parto de la urbo estas vivanta muzeo, kaj montras, kiel vivis en la pasintaj jarcentoj la minejlaboristoj.
Røros estas mineja urbo, kaj la kupromineĵoj estis dum la multaj jaroj bazo de la ekonomio de la distrikto.
Røros famiĝis pro la verkoj de la granda verkisto Falkberget kies verkoj bedaŭrinde estas nur malmulte tradukita al nia internacia lingvo.
Multaj kosideras lin la plej granda norvega aŭtoro dum la lasta tempo.
Røros estis la loko elektita por la landa ĵamboreo 1972.

## SUKCESA ESPERANTO-EKSPOZICIO EN NORVEGA SKOLTTENDARO

En la tempo de la 3-a ĝis la 10-a de aŭgusto 1972 aranĝiĝis la granda landa tendaro por norvegaj skoltknaboj en Roeros en la meza Norvegujo. Partoprenis 10.ooo skoltoj, inter ili 800 fremdlandanoj el 17 nacioj.

En nomo de la norvega sekcio de Skolta Esperanto-Ligo nia prezidanto John Berggreen ricevis permeson de la Norvega Skoltknaba Asocio aranĝi ekspozicion en la tendaro pri Esperanto.

Li mem kunportis la materialon, kiun li pr ntepreni de Norvega Esperantista Ligo, kaj li muntadis la ekspozicion en tre konvena loko, nome interne en la ĉefdomo ĉe la enirejo al la tendaro. Multaj afiŝoj montris la diversajn flankojn de Esperanto, kaj precipe la afiŝoj pri leter-amikoj tutmondaj kaj pri eksterlandaj vojaĝoj pere de Esperanto vekis fortan intereson inter la multaj vizitantoj.

Bildo de la ekspozicio troviĝas sur la malantaŭa kovrilo de ĉi tiu numero de La Skolta Mondo.

Krome estas eblecȯ trarigardi 55 librojn, multajn ĵurnalojn kaj broŝurojn en kaj pri Esperanto.

Estis multofte amaso da vizitantoj ĉe nia budo, kiun "gardis" skoltestro kaj SEL-ano Geir Sverre Braut.

La sukceson de la aranĝo pruvas la finaj rezultoj:

1. 70 elektis la temon Esperanto en kadro de la oficialaj skoltaktivecoj en la tendaro.
2. 20 mendis lernolibrojn, ĉefe Ĵamborea Lingvo.
3. 8 aliĝis al kursoj por skoltoj.
4. 6 aliĝis al SEL kiel novaj membroj.
5. 4600 broŝuroj pri Esp. estas disdonitaj.
6. John Berggreen ricevis permeson sendi Esp.lingvan saluton en la nomo de SEL en la loka radio la saman tagon kiam malfermiĝis la tendaro.
7. La tendara gazeto skribis laŭde pri nia ekspozicio.

JB.

## HONORA MEDALO

Nia brita reprezentanto Charles Bardsley, ricevis antaŭ kelkaj monatoj la

MEDALON PRO MERITO

pro liaj "eksterordinaraj servoj al skoltado".

Ni kore gratulas al Charles, kiu certe pro lia multjara aktiveco por Esperanto kaj Skoltado estas la ĝusta persono por ricevi tiun medalon.

## LA UNUA:

Belgujo, kiel ĉiam la unua, sendis la membroliston 1972 kun 32 membroj.
Notinda estas, ke la membraro ne plu konsistas el nur plenaĝaj subtenantoj, sed enhavas plurajn junulojn.




Verda Pego:

Glacio.

Glacio...simpla materialo: nur akvo!
Kaj tamen tre interesa! Tial ĉi tie estas kelkaj sciindaĵoj kaj eksperimentoj pri glacio.

Sed...eble vi loĝas en varma lando, kie glacio estas ne-normala. Tiam ni havas interesan eksperimenton ankaŭ por vi!

GLACIIĜI ESTAS: PLIGRANDIĜI!

Kiam akvo glaciiĝas, ĝi samtempe pligrandiĝas. Tion ni povas montri per eksperimento. Por tio ni bezonas vitran botelon kun ŝraŭb-ŝtopilo.

Plenigu la botelon plene per akvo, kaj fermu ĝin. Metu ĝin ekstere en la vintro kiam frostas.

Kiam la akvo glaciiĝis, la botelo estos rimpita.




Faru la saman eksperimenton denove sed nun ne fermu la botelon.

Se vi bonsukcesos, vi konstatos, ke la glacio staras kiel mallonga stangeto super la rando de la botelo, kvazaŭ glacia turo.

Se vi ne bonsukcesos....la botelo denove frakasiĝas.

Prenu nun malgrandan pecon de kreto, kian oni uzas por skribi sur la tabulo en la lernejo.
Malsekigu ĝin, kaj metu ĝin en la frosto.
Poste malfrostigu ĝin.

La akvo, kiu estis en la porioj de la kreto, rompigis ĝin ĝis polvo.

\- - -

Nun vi povas kompreni, kial akvokondukiloj rompiĝas kiam ili frostas kaj kial motoroj de aŭtoj bezonas specialan prizorgon dum frosto-periodo por ne rompiĝi.
Kaj kial farmistoj plugas antaŭ la vintro: la frosto moligas la bulojn.

BONA KOVRILO NE DONAS VARMON:

Dumtage vi uzas vestojn por ne malvarmiĝi.
Dum la nokto vi kuŝas sub kovrilo. Eble ĝi estas dika, bona, lana aŭ lanuga kovrilo.
Sed....lana kovrilo tute ne donas varmon!

Via korpo mem faras varmon.
Kiam vi estas en malvarma ĉirkaŭaĵo, tiu varmo volas foriri de vi: vi elradias la varmon.

La kovrilo kaj viaj vestoj estas la barilo, por preventi, ke la varmo iras de vi.

preventi: zorgi, ke io ne okazas.
izolanta materialo: materialo, kiu funkcias kiel barilo.

La tekstilo de viaj vestoj kaj litkovriloj ne donas varmon, sed nur estas izolanta materialo: barilo sur la vojo, kiun varmo volas iri.

Tion montras du eksperimentoj:

Metu malvarman objekton sub kovrilo kun termometro. la termometro klare montros, ke la objekto ne varmiĝas pro la kovrilo.

Prenu du pecojn da glacio.
Metu ilin en varman ĉambron, sed unue enpaku unu el ili en bonan tavolon de tekstilo, prefere el lano. La nekovrita peco rapide malfrostiĝas, la dua nur malrapide, ĉar la varmo de la ĉambro ne povas atingi ĝin, kvankam ĝi estas en "varmiga kovrilo", kiel oni diras.

EĈ LA TERO DORMAS SUB KOVRILO!

Dum la tago la tero ricevas varmon de la suno.
Dum la nokto tiu varmo emas malaperi en la universon per radiado.

Sed la atmosfero malhelpas tion. Speciale nuboj konservas la varmon, kaj agas kiel izolanta materialo.

La luno ne havas atmosferon.
Tial la malluma ("nokta") flanko de la luno estas tre malvarma: -170° C, kaj la luma flanko tre varma: + 120° C.

Se nuboj mankas, ankaŭ la tero tre malvarmiĝas: dumnokte en dezertoj estas tre malvarme!

FARI GLACION EN VARMAJ REGIONOJ.




Se vi uzas vian scion pri 'izolantaj materialoj" vi nun povas klopodi fari glacion laŭ metodo, kiun mi trovis en libro, kiel "Bengala metodo."

Bengalo estas regiono kaj lando en Azio.

Unue ni elektas nokton sen nuboj. Ĉar nuboj konservas la varmon.

Due ni elektu lokon malproksiman al arboj kaj konstruaĵoj, ĉar ili reflektas (respegulas) la varmon, kiu elradias.

Trie ni zorgu, ke la varmo de la tero ne malhelpu nin: Tial ni kovru la teron per tavolo da fojno, diametro kelkajn metrojn, kaj 15 cm dika.

Meze en tiu loko metu pelvon kun akvo.

La sekvantan matenon ni trovos glacion sur la akvo!

# PURA AKVO — PLI RAPIDE GLACIIĜAS.

Pura akvo pli facile glaciiĝas ol akvo, en kiu estas salo.

Per eksperimento vi facile povas kontroli tion. Sed tio ankaŭ donas al ni eblecon purigi la akvon, kaj donas al ni la kialon, pro kiu ni uzas salon por forigi glacion.

Eksperimento 1.
Metu du telerojn kun akvo en la malvarmo. Sed unue solvu salon en la akvo de unu el ili. Kontrolu, kiu telero pli facile glaciiĝas. Vidu ankaŭ, ke la akvo kun salo donas glacion kiu aspektas alie:

La ordinara glacio estas pura, "vitra".

La "sala glacio" estas iom blanka, speciale en la mezo.

Ĉe la randoj ankaŭ tiu glacio estas vitra kaj tiu rando konsistas el pura akvo. La salo dum la glaciiĝo "vojaĝas" al la meza parto.

Glacio

el pura akvo — el sala akvo

Eksperimento 2.
Metu ujon kun sala akvo en la malvarmo. Atendu ĝis ĝi parte glaciiĝis. Nun elprenu la glacion, kaj fandu ĝin.

Se vi gustumas la akvon, kiu restas en la ujo, kaj la akvon de la fandita glacio, vi rimarkos, ke la unua estas pli sala ol la dua.

Se vi scius ion pri kemio, vi eĉ povus pruvi tion per alia eksperimento.

Ripetante la eksperimenton, ĉiam denove glaciigante kaj refandante la akvon, oni povas purigi ĝin.

Eksperimento 3.
Metu pecon da glacio en taso kun akvo. Ĉu vi nun povas elpreni ĝin per strieto da malseka papero?




Metu la paperon sur la glacion. Verŝu iom da salo sur ĝin. Pro la salo, kiu falas sur la malsekan glacion ĝi emas fandi. Por fandiĝi la glacio bezonas varmon - la varmon ĝi "ŝtelas" de la ĉirkaŭaĵo, kiu do iĝas pli malvarma - pro tio la akvo sub la paperrandoj glaciiĝas - la papero "gluiĝas" al la glacio - kaj vi povas elpreni la glacion!

Klopodu! Ĉu la eksperimento efektive sukcesas al vi?

PREMO FANDAS GLACION.

Kial glacio estas glata? Kiel vi povas glitkuri? Kial vi povas fari neĝbulojn kaj neĝpupojn? Kiel eskimoj eĉ povas konstrui kabanojn el neĝo? Kaj kiel kelkaj grandaj riveroj eĉ povas naskiĝi el glaciejo?




Kiel glaciejoj povas "promeni"?

Tiom da demandoj, kaj nur unu respondo: Premo fandas glacion!

Pro la premo de la glitŝuo maldika tavolo da akvo estiĝas inter la fero kaj la glacio, kaj pro tio vi povas glitkuri. La akvo agas kiel oleo en maŝino, kaj ĝi glatigas la glacion.

Se vi kunpremas neĝon, ĝi iomete fandas. Al tio ankaŭ helpas la varmo de viaj manoj. Sed iom poste la akvo denove glaciiĝas, kaj la bulo fortikiĝas.

Se glacia tavolo estas tre dika, la glacio en la suba parto fandiĝas. Ĝi fluas al la rando de la glaciejo. Se ĝi tie denove glaciiĝas, la glaciejo do malaperas ĉe A, kaj kreskas ĉe B en nia skizo. Tiel la glaciejo "promenas. Se la akvo ne ree glaciiĝas, rivereto naskiĝis.



Ni imitu tion eksperimente:

Sur du kestojn metu pecon da glacio. Metu ĉirkaŭ ĝin maldikan draton aŭ ŝnuron, kaj pendigu pezan objekton al ĝi.

Sub la drato la glacio fandiĝas. Super la drato ĝi denove glaciiĝas. Tiel la drato "tranĉas" tra la glacio, sen difekti ĝin.

DANĜERAJ GLACIROKOJ.

Kiam akvo glaciiĝas, ĝi iom pligrandiĝas, sed ne tre multe. Tial la specifika pezo de glacio estas malplia ol tiu de akvo, kvankam la diferenco estas negranda.




Pro tio glacio FLOSAS sur akvo. Tamen la pli granda parto de la glacio estas subakva, preskaŭ naŭ dekonoj!

Tial glacirokoj estas danĝeraj por ŝipoj.

FARI LUPEON.

Per tranĉilo kaj per la varmo de viaj manoj, klopodu fari lupeon el glacio. Se la suno brilas, vi provu bruligi nigran paperon per ĝi.

Nur parte la sunlumo fandas la glacion, plejparte la sunlumo kaj varmo trairas.

Interesa eksperimento, ĉu ne?




# KORESPONDU

Jaap ten Boer, Burg, Verstraatenlaan 54, Beuningen (Gld) 6859, Nederlando, volas korespondi kun Britujo, Skandinavujo, pri skoltado, muziko, poŝtmarkoj kaj hodiaŭaj problemoj.

Li estas 17-jara skolto, komencanta esperantisto.



# BREGENZ

en la Centro de Eŭropo

INVITAS VIN !

Skoltoj el diversaj landoj kunvenos en skolta kabano en la montaro apud Bregenz

Ĉu ankaŭ vi venos??

La programo enhavos diversajn ekskursojn, inter alie:
Vojaĝo per kablo-tramo, ŝipveturo sur BODEN-lago, du-taga ekskurso tra la montaro.
Se vi estas komencanto en la internacia lingvo: ni dume plibonigos vian scion.

Kaj ĉio kostas al vi por 10 tagoj nur 125 Ned. guldenojn, inkluzive manĝoj, dormloko (mem kunportu dormsakon), ekskursoj.

Datoj: 3.a de julio - 13.a de julio. (kontraŭ krompago vi povas veni jam la 1-an de julio kaj foriri la 15-an.)

Minimuma aĝo: 16.

Jam nun anoncu vin ĉe la sekretario, kaj antaŭpagu al li 12.50 gld. (poŝtĝirkonto 63 22 46, J.K. Hammer, Taxusstraat 7, Zaandam, Nederlando).

Agu tuj: la nombro de partoprenantoj estas limigita, kaj jam kelkaj skoltoj sin anoncis!





# RIĈA RIKOLTO ...

## RIKOLTISTOJ MANKAS

Komuniko de la sekretario.

Karaj amikoj de SEL!
Dum la pasintaj monatoj pluraj milojde skoltoj aŭdis pri Esperanto kaj pri SEL.
En Røros, Norvegujo 10ooo, en Essex, Anglujo, 3ooo, kaj en Rotterdam, Nederlando, 1ooo skoltoj konatiĝis kun nia Ligo kaj ĝia laboro.
Kelkfoje la intereso vere estis surpriziga: en Rotterdam 5 % aĉetis lernolibrojn kaj komencis studadon.



La spertoj estis por ni tre lernigaj. Ofte oni ekinteresis nun pri SEL, ĉar ne estis la unua fojo, ke oni aŭdis pri ni.
Ofte oni klarigis al ni, ke oni ekinteresiĝis nur, ĉar antaŭe aliaj membroj de SEL preparis la vojon por ni.
Tial: Ne tro baldaŭ konkludu ke via propaganda laboro estis vana Donu al la skoltoj la tempon por alkutimiĝi al niaj idealoj. Eble vi plugas, dum aliaj semos kaj rikoltos!

Sed nia laboro ankaŭ donis al ni grandajn problemojn poste. En pluraj gravaj landoj Nacia Reprezentanto mankas ĝis nun. Inter ili mi mencias: Svedujo, Germanujo, Francujo. Ankaŭ en aliaj landoj SEL ĝis nun apenaŭ ekzistas: Aŭstrujo, Luksemburgo. En du landoj NR ekzistas, sed apenaŭ povas fari iion, pro aliaj laboroj por SEL: Norvegujo kaj Nederlando.

Dum la pasintaj monatoj mi klopodis interesigi la estrarojn de landaj asocioj, ke ili helpu nin, ke unu estrarano speciale okupu sin pri skoltaj aferoj.

Mi ankaŭ klopodis atentigi la instruistojn pri nia ekzisto, kaj petis ilin, ke ili atentigu la skoltojn inter iliaj lernantoj pri SEL, kaj se eble eĉ membrigu ilin.
Mi klopodis atentigi la radio-amatorojn pri la eblecoj kunlabori en la kadro de la radio-ĵamboreo.
Ĉio kostis al mi oceanon de tempo, kaj monton de mono. Kaj mi devas konfesi, ke la sukceso estis minimuma. Preskaŭ ĉiam oni eĉ tute ne respondis al miaj alvokoj.

Bedaŭrinde mi devas konstati, ke pro tio SEL ne kreskas tiel, kiel ĝi povus kreski.

Se landaj asocioj, kaj lokaj kluboj, pli bone helpus nin, ili facile povus akiri preskaŭ cent aliĝiloj dum jarkvarono.

Cent junuloj ...membroj kiujn SEL urĝe bezonas.
Cent junuloj ...kunlaborantoj en la estonteco.
Cent junuloj ... nova vivo por griziĝinta Esperanto movado.



Bonvolu pripensiĉi tion Kaj klopodu, ĉiu el vi en

propra rondo plibonigi tiun situacion!

Se ne venas solvo, se ne venas helpo, nia laboro por esperantigi la Skoltan Movadon, nia agado en rilato kun la venonta Monda Ĵamboreo en Norvegujo 1975 estos grandaparte vanaj.
Kaj tio, ne pro senintereso de la skoltaro, sed pro la manko de kunlaboro de la esperantistaro mem.




KRISTNASKO




estas en la "kristanaj" landoj granda festotempo. Ofte estas granda diferenco inter la bovinejo, en kiu Kristo naskiĝis, kaj la riĉeco de la festtempa manĝaĵo kaj trinkaĵo, per kiu ni servas nin mem. Ofte la kristnasko estas atestilo, ke ni forgesis la instruon de tiu, kies memoron ni celebras.

La povruloj ĉiam estos inter vi - Li diris. Tiu fakto ne estis nur iu hazarda rimarkigo, ne estis nur protesto kontraŭ la ideo, ke al Dio sufiĉu, kio restos post nia dorloto de ni mem kaj niaj posteaj almozoj al la malriĉuloj, sed ankaŭ enhavis taskon por la fidantoj.
Nuntempe ni vidas la malriĉulojn kaj mizerulojn ne nur apud propra domo - sed en la tuta mondo.
Kaj la kristnasko diras al la fidanto, ke ĉe Dio ĉiu estas bonvena, la malriĉa ŝafisto kaj la glora reĝo; li, kiu loĝas proksime, kaj li, kiu loĝas en la fremdo. La malnova legendo pri la tri reĝoj eĉ rakontas klare, ke ĉe Kristo la koloro de la haŭto neniom valoras!!

Tial, Skolto, via devo ne estas servi al vi mem. Ĝi estas servi al Dio kaj utili al viaj kunhomoj.

Se vi povus tion memori, dum vi ĝajas en la kristfesto, estus espero ke la anĝela kanto ĉe naskiĝo de Kristo ne estus nur ideale, sed ĝi fariĝus reale:

Gloro al Dio en la supera alto, kaj sur la tero paco, inter homoj Difavoro.





# KONKURSO

Ni volas provi konkurson. Se ĝi montriĝas sukcesa, ni provos en venonta numero alian.

La jena estas: Skribu en ĉiu linio nomon de geogradia loko tiel ke en ĉiu rubriko nur estu unu litero. La unua do havu du literojn, la dua tri ktp. Elektu mem inter nacia kaj esperanta formo de la nomo.
Ĉiu litero donas al vi poenton laŭ ĝia numero en la alfabeto, tiel ke a = 1, b = 2, c = 3 ĉ = 4 ktp. Sed kiam vi uzas saman literon 2-foje, ĝia valoro estos pligrandigata. Ekzemplo klare montras: En la vorto "paralela" la unua a = 1, la dua = 2, la tria = 3. Same la unua l = 16, la dua 32, se estus tria, ĝia valoro estus 48.
En multaj lingvoj estas supersignaj literoj, kiuj ne ekzistas en nia alfabeto. Ĉar multfoje tiuj nur estas akcentoj, ni permesas uzon de ili, sed donas al ili saman valoron kiel la nesupersignita litero. Tiel è, é kaj ê ĉiuj ricevas valoron 6, å valoros 1, kvankam ĝi estas plej lasta litero en la nordaj alfabetoj. Sveda ö valoras kiel o, dum norvega/dana ø donas neniom, kiel ankaŭ la literoj q, w kaj y, kiuj ne ekzistas en Esperanto.

Kondiĉoj, limtempo kaj premio:

Vi povas ensendi vian konkursaĵon perletere, kaj vi ne bezonas uzi la paĝon de via gazetekzemplero, sed simplan leterpaperon.

La letero atingu nin antaŭ la limtempo de la venonta numero, t.e. la 1 .a de februaro 1973.

La letero estu afrankita filatele.

La premio al tiu, kun pli alta poentosumo, estas 100 diversajn poŝtmarkojn en filatele afrankita koverto. Se la reago estas tre granda, ni ankaŭ donos duan kaj trian premiojn, je 75 kaj 50 diversajn poŝtmarkojn.

Kun la solvoj proponoj al aliaj konkursoj estas bonvenaj.



# SKOLTA MONDA OFICEJO

En la bulteno "World Scouting Newsletter" de aprilo 1972 MSO denove lanĉis la programon pri Interligo de Skoltgrupoj en diversaj landoj. Oni donas ampleksan liston de ekzemploj, kiel du grupoj en malsamaj landoj povas kunlabori, kaj utiligi la internacian kontakton.

La programo tre taŭgas kaj valoras disvastigi ĝin kun la aldono, ke nia lingvo estas bonega bazo por ĝi.




NACIAJ REPREZENTANTOJ:

| | |
|---|---|
| Aŭstralio: | S-ro S.H. Milligan, 14 Kerry Close, Doncaster, E 310g, Victoria. |
| Belgujo: | S-ro Eddy Frederickx, Paasbloemstraat 31, B-2060 Merksem-Antwerpen. Poŝtĉekk 9978.93. Tel (03)4524.76<br>S-ro L.J. van Gulck: telefono (03)3688.08<br>Poŝtkonto Belga Skolta Esp.-Sekretariato 327460. |
| Brazilio: | S-ro Euclides C. Soares, Av. Almirante Tamandare 979, Belem, Para. |
| Britujo: | S-ro C. Bardsley, 42 Westbourne Str., Oldham, Lancs. |
| Danlando: | S-ro Asger Petersen, Blistrupsvej 8, DK-2610 Rødovre. Telefono 707157. |
| Finnlando: | S-ro Seppo Tella, 9 kp, SF-55950 Imatra 95. Telefono 954-51130. |
| Hispanujo: | S-ro Pedro Marqueta, Fern el Catolico 32, 5°izqda, Zaragoza. Telefono 252044 |
| Irlando: | S-ro Frank Dobbs, 8 Ailesbury Grove, Dublin 4 |
| Italujo: | Prof. Franco Tulone, Via Frangipene 8, I-92019 Sciacca, Agrigento. Telefono 21.198. |
| Japanujo: | S-ro Sinzo Sumiya, Daido Kagaku Sooti K.K. 16, Suekirotyo Kitatu, Osaka. |
| Kanado: | S-ro John H.F. Hoyle, Box 421, Forest Ont.<br>Helpa N.R: S-ro Paul Ronald, 45, 10th Ave., Roxboro, Queb |
| Nederlando: | S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, Zaandam. Telefono (02980) 66931. Poŝtkonto 632246. |
| Norvegujo: | S-ro H.A. Rosbach, Nergt 37c, N-6500 Kristiansund N. Tel.: (073) 77620. Poŝtkonto 8030413 |
| Novzelando: | S-ro D.B. Pease, Flat 2, 8 Dent Street, Whangarei. |
| Portugalujo: | S-ro Jaime de Matos Correia, Rua Cidade da Horta, Lote Q-5-3°, Pontinha, Lisboa 4. |
| Usono: | Ken Meyer, 1418 West Elm Street, Oxnard Cal. 93030. |
| Zairo: | S-ro Paul Deloin Nzemba-Paku, B.P. 280 , Limete, Kinshasa. |

Informoj pri membreco:

En landoj kun Nacia Sekcio: Informiĝu ĉe la N.R., kaj pagu al li la landan kotizon.

Individuaj membroj (Nur en landoj sen N.R.!):

Kotizo inkl abono de LSM por junuloj ĝis 18 jaraj: **Nederlandaj** guldenoj 3.30 aŭ egalvaloro.

Pli-aĝuloj: Ned. guldenoj 5.00 aŭ egalvaloro.

Subtenantoj: Minimume Ned. guldenoj 5.00 aŭ egalvaloro.

Oni pagu al la kasisto, aŭ se necese al la sekretario.

Bonvolu pagi la kotizon antaŭ la unua de aprilo.







Miloj povis lerni pri Esperanto en Røros.





# LA SKOLTA MONDO

Limtempo por manuskriptoj kaj anoncoj: 1-a de Februaro, Majo, Aŭgusto kaj de Novembro.

REDAKCIO: N-6500 KRISTIANSUND